


## 100 — JARIĜO DE ESPERANTO



# INVITO

## AL 39a I.F.E.F. KONGRESO
## 16—22a de majo 1987
## KATOWICE POLLANDO

### INVITAS VIN POLLANDO KAJ KATOWICE

Silezio — koro de pola industricentro, la lando de karbo kaj ŝtal — produktado, la plej granda fervoja regiono en Pollando.

La regiona ĉefurbo estas Katowice — granda industria, kultura kaj scienca centro, sidejo de regiona estraro de polaj ŝtataj fervojoj. Dank al tiu, unu el la plej riĉhavaj provincoj Pollando okupas kvaran lokon el la mondo pro ekspluatado de ŝtonkarbo.

En tiu ĉi regiono disvolviĝas precipe industrioj: ferfandeja, kemia, energetika, metal-transformiga ktp konsistigantaj la kvaronon de tutpollanda industria produktado.

La urboj, en Supersilezia Industria Regiono formas unuecan komlpekson interligitan per tre densa fervoja kaj automobila reto.



Sur relative ne tre granda surfaco de kelkcent da kvadrataj kilometroj dislokiĝis 14 grandaj urboj konstruitaj iam senorde kaj plenigitaj per malbelaj grizaj domoj. Hodiaŭ oni malkonstruas grandajn partojn de malnovaj konstruaĵoj anstataŭante ilin per modernaj loĝkvartaloj kun novaj trafikarterioj. Tiuj ĉi rekonstruaj ŝanĝoj estas plej klare videblaj en Katowice, kie kun ĉiu jarforpaso malaperas la malnovaj konstruaĵoj devenantaj de pasinta jarcentŝanĝo kaj estas konstruata larĝperspektiva bela, moderna urbo. La plej interesa fragmento de katowica urbocentro estas grandioza monumento al Sileziaj Insurgentoj (aŭtoro G. Zemła) memoriganta la tri prilibereca ribeloj de silezianoj en la jaroj 1919, 1920, 1921 kiuj kontribuis grave al la reveno de tiuj ĉi teritorioj al Polujo. Apud la monumento troviĝas grandega halo por sportaj kaj distraj prezentaĵoj, disponanta pri 11.000 da sidlokoj.



En Katowice estas sidejo de Silezia Universitato kaj Silezja Instituto. Plaĉa konstruaĵo estas la Palaco de Junularo kie troviĝas pli ol 60 laborejoj, gimnastikejoj, teatraj spektejoj kaj kultura centro kun koncertsalonego por 1100 auskultantoj. Katowice fieregas pri sia komplete automatizita karbominejo „Jan" kiu estas la plej moderna en la tuta mondo. Inter Katowice kaj Chorzów etendiĝas grandega Parko de Kulturo kaj Ripozo la plej granda ĉispeca objekto en Pollando. Ĝi estas aranĝita sur iamaj senkulturejoj kaj elŝutejoj kaj ekipita per distrigaj kaj ripozigaj establaĵoj la planetario, stadiono por 100 mil da



spektantoj kaj por amuzaj foiroj.

40 km. de Katowice situas Oświęcim iama plej granda, hitlerana genocida koncentrejo Auschwitz. Sur ĝiaj terenoj estas nun aranĝita Muzeo pri Martirologio.

Konata silezia scienca centro estas urbo Gliwice, kie tuj post la liberigo oni fondis Politeknikon kaj aron de scienc-esploraj institutoj ligitaj ĉefe al kemia industrio.

Urbo Gliwice krome estas la plej granda en Pollando kaj unu el la plej grandaj en Europo interna riverhaveno. De ĉi tie, per kanalaro kaj Odra rivero oni flosigas karbon kaj produktojn de silezia industrio — laû 700 kilometra akvovojo al la haveno en Szczecin.

La muzeo-urbo kaj la lulilo de supersilezia karbominado estas situanta ĉe la silezia limo urbo Tarnowskie Góry, kie oni jam ekde XVI jarcento minadis plumbon kaj arĝenton. Ĉi urbaj ministoj kiel unuaj sur europa kontinento en 1787 jaro aljungis vapormaŝinon kaj en 1803 fondis la unuan polan ministan lernejon. Ĝis hodiaû tago konserviĝis tie pluraj km. da subteraj galerioj. La ekskurso per boatoj laû kanaloj traboritaj en ŝtonaj vandoj de XVIII jarcenta minejo postlasas neforgeseblajn impresojn.

La industria pejzaĝo ne estas la sola, kiun oni povas renkonti en Supra Silezio. Ĉi tero apartenas ankaû al plej allogaj turismaj regionoj en Pollando.

Mirinde belaj estas la montaraj zonoj de Beskidoj. El inter troviĝantaj tie kuracejoj kaj ripozlokoj menciindaj estas, eminente aranĝitaj centroj de vintraj sportoj: Szczyrk, Jaszowiec kaj Ustroń.

Plej konata, pro favora klimato, ripozloko estas, pitoreske situita ĉefurbo de Beskidmontaro — Wisla, moderna centro de kuracado kaj ripozado. Oni povus longe ankoraû rakontadi pri silezia regiono — sed plej bone tamen estas veni kaj alrigardi tion per propraj okuloj!

DO, BONVENON! DO, ĜIS REVIDO

LKK



## PRI LA EKSKURSOJ

A. Tuttaga ekskurso al Krakovo:
SKIZO DE LA HISTORIO DE KRAKOVO

Krakovon fondis-laû la legendo-la princo de la gento Vistulanoj, Krak aû Krakus, kiu loĝis en la VIII-a jc. sur la monteto Wawel. La unua mencio pri Krakovo devenas de ĉ. 970-a jaro de nia epoko: jam en tiu tempo estis Krakovo grava centro de la komerco. La reĝo Boleslaw Chrobry fondis ĉi tie en la j. 1000-a katolikau diocezon kaj konstruigis la katedralon. Ekde la XI-a jc. estis Krakovo-dum 500 jaroj-la ĉefurbo de Pollando. La antaûan urbon detruis komplete en la j. 1241-a tataroj, sed en la j. 1257-a Boleslaw Wstydliwy koncesiis al la urbo la „lokigan privilegion".





La jarcentaj XIV—XVI-a estas la periodo de la granda disvolviĝo de la urbo tiel sur la kampo de komerco kaj industrio, kiel ankaû en la sfero de sciencoj kaj artoj. La Krakova Akademio, fondita de la reĝo Kazimierz Wielki en la j. 1364-a, atingas en la XV-a jc. tiel grandan famon, ke ĝi altiras al Krakovo studantojn el la tuta Mezeûropo.

La impona ekfloro de Krakovo estis haltigita, kiam Krakovo ĉesis esti ĉefurbo de Pollando (en la j. 1609-a) — kaj sekve pro la invado de svedoj (1657-a j.).





Post la dua dispartigo de Pollando oni organizis en Krakovo la antaûĉarisman revolucion en la j. 1794-a-sub la gvido de nacia heroo Tadeusz Kościuszko. (Li estis ankaû amerika generalo kaj batalis kune kun Georgo Washington pri la liberigo de Unuiĝintaj Statoj). Tamen la Kościuszko-revolucio malsukcesis kaj baldaû-sekve de la tria dispartigo de Pollando en la j. 1795-a — Krakovo ektroviĝis sub la regado de Aûstrujo.

Ankoraûfoje, en la j. 1815-a — dank al la decidoj de la Viena Kongreso — Krakovo fariĝis sendependa: nome oni faris ĝin libera kaj neutrala „Krakovo Respubliko", kiu ekzistis ĝis la j. 1846-a. En tiu jaro Krakovon okupis aûstra armeo. Kune kun la najbaraj vilaĝoj Aûstrujo aneksis Krakovon, kiu restis sub ĝia regado ĝis la j. 1918-a.





La intermilita tempospaco (1918—1939-a j.) estis la periodo de rapida reviviĝo kaj disvolviĝo de Krakovo. De la j. 1939-a troviĝis Krakovo en hitler-germana okupado, de kiu ĝi estis liberigita en la j. 1945-a.



Tamen la esenca valoro de Krakovo kuŝas en ĝiaj arkitekturaj antikvaĵoj kaj historiaj monumentoj-kaj pro tio Krakovo, kvankam ĝi ne estas plu la ĉefurbo de Pollando, ĉiam rigardata estas kiel lulilo kaj centro de pola kulturo.

B. Duontaga ekskurso al Oświęcim:

Ĝi estis la plej granda Hitlera Koncentrejo ekfunkciigita la 14 an de junio 1942 j. en Brzezinka.

La granda Hitlera Koncentrejo okupis du ĉefajn koncentrejojn Oświęcim kaj Brzezinka kaj pli-malpli 40 subkoncentrejojn.

Sume en Oświęcim pereis proksimume 4 milionojn da homoj de 28 nacioj. Antaŭ ol forkuri la Hitleranoj kaŝis postsignojn de la krimoj per eksplodigo de krematorio kaj parto de la Koncentrejo.

La Koncentrejo estis liberigita la 27 an de januaro 1945 j. En 1947 j. kreita la ŝtata Muzeo „Oświęcim Brzezinka" kiel monumento de martireco de la pola nacio kaj de aliaj popoloj.

En 1967 j. al murdinantaj malliberuloj oni prijuĝis orderon de la Grunvalda Kruco I grada.

# La mia prima SKISEMAJNO

La 28^ "Settimana Sciistica Internazionale dei Ferrovieri Esperantisti" si è svolta quest'anno a Sarajevo, in Jugoslavia.

Questo importante appuntamento ha avuto inizio ufficialmente domenica 22 febbraio, con una cerimonia durante la quale gli amici jugoslavi, insieme con rappresentanti dei ferrovieri e delle autorità locali, ci hanno dato il benvenuto e ci hanno espresso l'augurio di trascorrere una settimana piacevole.

Nel corso della settimana siamo andati spesso a sciare sulle piste olimpiche di Jahorina e Bjelašnica; questi appuntamenti sportivi hanno avuto il loro momento culminante nella gara di sci alpino, che si è svolta il venerdì ed alla quale abbiamo partecipato con grande entusiasmo.

Il mercoledì, invece, abbiamo compiuto un'interessante escursione a Sarajevo, durante la quale abbiamo visitato, tra le altre cose, la Biblioteca, il Museo "Mla da Bosna", che conserva documenti e foto di Gavrilo Princip, che assassinò l'Arciduca d'Austria Francesco Ferdinando nel 1914 e, inoltre, un Sacrario in memoria dei Caduti per la Resistenza, una delle tante moschee che si trovano in questa città ed, infine, siamo stati invitati a visitare alcuni impianti ferroviari.

Le serate hanno avuto uno svolgimento piacevole.

Organizzato dal gruppo culturale dei ferrovieri di Sarajevo, abbiamo ammirato uno spettacolo folkloristico, durante il quale indomiti ballerini e graziose ballerine, tutti in costume tipico, han

no eseguito danze caratteristiche delle diverse repubbliche jugoslave.

Grande successo ha pure avuto il tradizionale ballo mascherato, che ha messo alla prova la fantasia e l'abilità dei partecipanti.

Ai piacevoli momenti di svago e di allegria si sono alternati, durante la settimana, degli appuntamenti importanti che hanno, talvolta, richiesto una attenzione particolare da parte degli ospiti, ma che sono stati accolti da tutti con interesse; la partecipazione a questi appuntamenti è sempre stata notevole.

Molto interessanti sono stati: l'acceso dibattito "Pro e contro l'energia nucleare"; la presentazione di parte della letteratura esperantista, tra cui il recente libro "Espanja Espanja" di Vladimir Čerkez; la relazione del sig. Gimelli sul programma Alta Velocità delle ferrovie italiane; le "Impressioni di viaggio sulla Cina", una lunga ed esauriente serie di diapositive presentate dalla signora Terezija Kapista; la proiezione, a cura degli organizzatori, di un film sulle ferrovie jugoslave, che riguardava l'ultimo viaggio di una locomotiva a vapore e di un altro film a carattere turistico sulle bellezze naturali della Bosnia-Erzegovina.

Hilaire e Denise Happi-Fosso ci hanno poi mostrato i filmati sulla settimana bianca dell'86 a Sils e su quella dell'81 a Bohinj.

Gli appuntamenti importanti di questa settimana sono stati talmente numerosi che sicuramente ne ho dimenticato alcuni. Voglio ricordare, però, come momento culturale di importanza fondamentale, il corso di lingua Esperanto per principianti, tenuto dalla sig.ra Kapista.

All'inizio della settimana io non conoscevo alcuna parola di questa lingua, mentre alla fine del corso sono riuscito ad ottenere il premio quale miglior allievo; questo premio non è certamente un traguardo, ma un punto di partenza e uno stimolo ad impegnarmi a fondo nello studio di questa lingua, che è, come ho potuto notare personalmente durante questa settimana, una lingua che avvicina gente di Paesi diversi e quindi un utile mezzo per superare le barriere tra i popoli.

La settimana si è conclusa la sera del venerdì con l'assegnazione dei premi; in primo piano i vincitori della gara di sci alpino: tra gli uomini ha primeggiato Andrej (Cecoslovacchia) mentre tra le donne si è imposta Anna (Svizzera). Premi anche per i secondi e terzi classificati.

Inoltre sono state premiate da una giuria internazionale le migliori maschere che hanno partecipato al ballo: ha vinto con merito un giovane danese, che rappresentava la verde stella esperantista.

E poi, ancora, tanti altri premi.

Infine c'è stato il passaggio ufficiale delle consegne dal rappresentante jugoslavo a quello tedesco.

Arrivederci l'anno prossimo a Spitzingsee.

Alessandro Sasso





1887-1987 Centjara Jubileo de Esperanto

# Veti pri Esperanto

Ĉio komenciĝas en la jaroj 1870-aj en parto de la Cara Imperio, kiu nun estas Pollando. Bjalistoko tiam estas kvarlingva urbo: oni parolas en ĝi pole, jide, ruse kaj germane. Junan knabon konstante trafas psike plej dolorigaj vundoj en tiu urbo disŝirata inter kvar komunumoj, kvar religioj, kvar lingvoj (kaj kvar alfabetoj), kvar malamoj. Tie ja multe pli ol aliloke, la simpla fakto vin esprimi etiketas vin. Pro ĝi oni tuj malestimos vin, aŭ solidaros. Ĉiu okazaĵo disvolviĝas sur fono de incitataj etnokulturaj identecoj. Se polo havas administran problemon, estus nepenseble, ke la rusa funkciulo parolos al li pole, sed nur kun amare premata furiozo kaj kun espero foje venĝi sin la polo ruse balbutos sian peton.

Rilke iam diris, ke verkisto estas homo, kiu verkas, ĉar li ne povas ne verki. Juna Zamenhof starigis la bazojn de Esperanto samkiale: li ne povis tion ne fari. La kulturaj identecoj sentiĝis en Bjalistiko reciproke atakemaj. Kaj ili unuavice manifestiĝas per la lingvo kaj la maniero prononci. En tiaj kondiĉoj, uzi la lingvon de aliulo signifas ne nur konsenti al li superecon, kontraŭ kiu etna digneco ribelas, sed ankaŭ trudi al si la penon akrobate gimnastiki gramatike, vort-uze kaj prononce, aŭ trakuri terenon plenan je kaptiloj kvazaŭ intence lokitaj, por ke oni pli facile falu en malsuperecon, kaj sentu sin ridinda.

Tiu malamika, humiliga etoso psike vundas Zamenhof, senteman knabon supere talentan. La situacio estas netolerebla. Necesas fari ion, por ke ĉiu, konservante la propran kulturon, povu komuniki sen tiuj ofendoj al la socikultura identeco, kiuj dramigas la ĉiutagan vivon bjalistokan.

Tiucele necesus disponi lingvon, kiu apartenu al neniu popolo, kaj kies strukturoj konformu kiel eble plej ĝuste al la natura fluo de lingva esprimado, lingvon, kiu ne devigu akrobati, lingvon, kiun povu regi homoj socie eĉ plej malaltrangaj. Tia lingvo ne ekzistas, ĉu? Negrave! Li ĝin iniciatos. Kun junula naiva fido, la knabo eklaboras, kunigante la sencedan logikon de infaneco, al kiu li ankoraŭ proksimas, kun la maniero agi de artisto, celanta belecon kaj neniam ĉesanta rafini la verkon plu kaj plu.

Ĉu, racie, li havas eĉ plej etan ŝancon sukcesi? Ni rezonu, se vi bonvolos, vetiste. Ĉu, cirkaŭ 1876, vi vetus, ke prosperos al tiu 17-, 18-jarulo, forperdita en fora urbo de fora lando (rilate al la tiamaj brilcentroj) atingi tian ambician celon: la naskon de nova lingvo?

Ni konsideru ties historion po-paŝe. Jen la patro de la juna viro sendas lin studi fore kaj igas lin promesi rezigni la lingvan ludadon. Ĉu ne estas realisme pensi, ke la knabo fine komprenos la absurdecon de sia projekto? Sed li persistas. Je la aĝo de 27 jaroj, li decidas publikigi la frukton de sia laboro. Li vizitas la eldonejojn, unu post alia. Sed frenezas neniu: neniu respondas jese. Proprakoste do li presigos etan broŝuron malriĉ-aspektan. Ne disponante reton da librejoj, kiun ŝancon li havos ĝin disvastigi? Ĉu vi vetus favore al tiu absolute nekonata ulo, tiakondiĉe?

Tamen la projekto varbas interesatojn, ĉefe en la rusa imperio. Revuo aperas en la naskiĝanta lingvo. Entuziasmigita, Tolstoj verkas por ĝi. Sed jen li malplaĉas al la ŝtato kaj la cara cenzuro malpermesas la revuon, solan ligilon inter la unuaj lingvanoj. Ricevinte tiun informon, ĉu vi vetus, ke vivplena lingvo laŭgrade naskiĝos el projekto plagita per tia fuŝa komenco?

Sed la vivo obeas alian logikon. En la kvin mondopartoj, homoj ekscias pri la lingvo kaj eklernas ĝin. Ridegas la lingvistoj, plej moke: ĉiu uzos la lingvon (ili diras) laŭ la propra maniero apliki gramatikon, kompreni la sencon de vorto, prononci; ne eblos interkompreniĝo. Al kiu iros via favora veto? Ĉu al la juna amatoro? Ĉu al la unuanimaj fakuloj?

Jes ja, ĉe la unua kongreso en Bulonjo-ĉe-Maro, en 1905, la novlingvuloj taŭge interkompreniĝas, sed kial oni prenus serioze etan aron da stranguloj? El la vidpunkto de la parizaj salonoj, kiuj, tiutempe, difinas la valoron de ĉio por ĉiu, la nova lingvo ne montriĝas alloga. Svarmas en ĝi malfrancaj literoj kiel *k* kaj *j*, plus konsonantoj ĉapelitaj de ridinda supersigno. Ĝi aspektas forpuŝe, barbare. Tutmonde, la intelektuloj ĝin forĵetas. Ke al la iniciatinto mankas realismo, tion cetere pruvas lia stranga elekto de supersignaj konsonantoj troveblaj en neniu presejo, tiel ke, se oni volas aperigi ion tiulingve, necesas antaŭa fandigo de novaj prestipoj. Se bazi sin sur sana prudento, veti, ke tiu lingvo plu vivos, estas oferi monon al Sankta Neredono.

1914: milito ekflamas. Mortas Zamenhof. Faru viajn vetojn, gesinjoroj... Kiu vetos por tiu orfa lingvo, simbolo de egalecaj rilatoj en mondo, kiun regas la leĝo de l'ĝangalo?

Alvenas la jaroj 20-aj. Ĉe la Ligo de Nacioj, Irano proponas alpreni Esperanton por la internacia rilatado. Ĉiuj miregas! Kaj la grandaj potencoj pretiĝas al batalo. "Tiun proponon oni enterigu, ĝi estas danĝera por nia kultura supereco." Tiuj ŝtatoj estas riĉaj kaj influaj, iliaj delegitoj ne hezitas atenci la veron plej hontinde. Refoje oni mokas kaj forĵetas la projekton. Sincere, tiudate, ĉu sur ĝin vi metus la vetaĵon?

Jen ekregas Stalin kaj Hitler. Hitler juĝas Esperanton lingvo de juda konspiro, kaj de framasona; Stalin, de burĝaj kosmopolitoj. En la jaroj 40-aj, tiuj du havas preskaŭ plenan potencon super konti-

nenta Eŭropo. Esperanto estas malpermesita, ĝiaj librostokoj likvidiĝas, multajn el ĝiaj anoj oni enŝlosas koncentreje. En Japanio, Ĉinio, Hispanio, Portugalio kaj aliaj landoj, la regantoj plenumas rilate al ĝi malpli perfortan politikon, sed tamen samdirektan. Diru al mi: kiun sekvon estus saĝe priveti tiuepoke, se ne la baldaŭan forpason de la lingvo?

Finiĝas la dua mondmilito, jen aperas la sistemo de samtempa interpretado. Tiu ŝajne solvas la komunikproblemon en kongresoj kaj konferencoj, sed fakte ĝi apenaŭ sukcesas maski evoluon, kiu ebligas al la angla superregi senkonteste. Evidentiĝas, ke en internaciaj rilatoj la angla emas monopoli. Ĝi estas la lingvo de inform-agentejoj, de multnaciaj kompanioj, de scienca eldonado same kiel de la muzikoj, laŭ kiuj, en la tuta mondo, dancas junularo usonece vestita.

Fronte al tia Goljato*, Esperanto estas Davido**, tiel eta, ke ĝi preskaŭ nevideblas. Konsiderante ambaŭ rivalojn, kiu, racie, vetos por la dua? Ĉu havus sencon la vetgajnon dependigi de lingvo, kiun subtenas neniu vasta socia movado, kiun financaj potencoj ignoras, kiun prisilentas la amaskomunikiloj, kiun la intelektuloj mokas, aŭ taksas mortnaskita? Konstante atakata jen politike, jen intelekte, ekde la publikigo, ĝi havas nek aliancanon, nek helpon eksteran. En epoko, kiam furoras vidaj mesaĝoj kaj bilda prezentado, ĝi ne disponas rimedojn por brile reklami pri si. Ĝi disvastiĝas nur pro la propraj, ne okulfrapaj, sed altvaloraj kvalitoj.

Kaj tamen, se juĝi laŭ objektivaj kriterioj — libroproduktado, partopreno en internaciaj kunvenoj, geografia areo kovrita de la anoncoj en la esperantlingva gazetaro, kvanto de esperantistaj eventoj, radiodissendado, nombro de lokoj, kie eblas kontakti esperantiston, ktp –, oni rimarkas, ke, kun plioj kaj malplioj sekvantaj la fluon de la politika kaj ekonomia vivo, Esperanto neniam ĉesis laŭgrade disvastiĝi, kaj ke, precipe, en la lasta jardeko ĝia progresado rimarkinde akceliĝis.

En 1976, 30 universitatnivelaj institucioj instruis ĝin; ĉi-jare, ili estas 125, t.e. pli ol kvarobligo en dek jaroj. Esperanto estas la lingvo de konsiderinda literatura produktado, kiu ne ĉesas ampleksiĝi. Ĝi estas la lingvo, en kiun, tutmonde, tradukiĝas plej multe da kantoj. Oni uzas ĝin ĉiutage ĉe radio en landoj tiel malsamaj kiel Ĉinio kaj Pollando. Ĝi estas la ĉiutaga interkomprenilo de multaj paroj dunaciaj, kaj la gepatra lingvo de iu nombro da infanoj. Se objektive analizi la rilaton efikeco/kosto, ĝi montriĝas internacia komunikilo ege supera al la angla kaj al la sistemoj bazitaj sur tradukado kaj samtempa interpretado.

Se nun estus 1887, kaj vi tenus enmane la etan broŝuron de la perfekte nekonata dudeksepjaruloj, ĉu vi imagus, ke post iom malpli ol jarcento, la plej vasta internacia kongreso en la tuta historio de Ĉinio disvolviĝos tiulande en la lingvo, kies plej freŝa ĝermo jen montriĝas al vi? Ĉu vi tiujare vetus, ke en 1986 ne troviĝos unu tago sen, ie la mondo, esperantlingva kongreso, konferenco, kunsido aŭ kultura aranĝo? Tiel tamen la realo prezentiĝas.

Konstati, ke la raciaj vetoj konstante kontraŭas la faktan disvolviĝon de la okazaĵoj, estas pripensige. Se esplori pli profunde, evidentiĝas, ke la malfavoraj opinioj pri la estonteco de Esperanto baziĝas sur la sama, ĉiufoje ripetata misfaro: oni ne kontrolas la realon, oni ne rigardas, kiel Esperanto praktike funkcias kompare kun la aliaj sistemoj uzataj por interkulture komuniki. Krome, oni supertaksas la eksterajn premojn kaj subtaksas la rolon de individuaj sentoj en lingvo-viviga kaj -disvastiga procezo. Kial Esperanto elmontras pli grandan viglon ol iuj lingvoj kun oficiala statuso, kiel la gaela aŭ la romanĉa? Ĉar homoj ŝatas krei, ludi, ĝui liberecon kaj rilati amike.

La strukturoj de Esperanto stimulas lingvan kreemon, kiu subpremiĝas en la plimulto el la lingvaj teritorioj, ekde kiam infano fariĝas lernejano. Ili havigas al la lingvo ludan etoson, malestimatan de tiuj, kiuj prenas sin serioze, sed respondan al grava sopiro kuŝanta funde de nia psiko. Gramatike, vortfare, stile plej fleksebla, Esperanto elvokas senton de libereco en la maniero esprimi sin, kian samgrade allasas neniu alia fremda lingvo, kaj tio ĝueblas sen devi tede, multjare studadi. Kaj ĉefe, ĝi ebligas havi verajn kaj daŭrajn amikecojn trans la kulturaj limoj, kaj tiel ĝi kontentigas psikologian bezonon pli profundan, ol oni ĝenerale imagas.

Estas fakto: en jarcento, Esperanto teksis sur la tuta terglobo abundon da amik-retoj, kiuj ligas unuj al la aliaj homojn el ĉiuj sociaj tavoloj, el ĉia medio kultura. Tiukampe, neniu rivalas kun ĝi.

Ĝi rajtus rigardi de alte ĉiujn, kiuj dum tuta jarcento vetadis kontraŭ ĝi, kaj ĉiufoje perdis. Sed ne estus laŭ ĝia stilo. Ĝi ne trudas sin. Al ĝi sufiĉas esti, kaj vivi. Havebla, por tiuj, kiuj pretas kunludi. Diskreta, eĉ nevidebla, por tiuj, kiuj preferas komuniki per pli kosta, pli nejusta, pli malsimpla sistemo. Iom malĝoja, jes ja, ke oni tiel ofte rigardas ĝin alia, ol ĝi efektive estas, kaj ke oni plu preteratentas la altvaloran kontribuon, kiun ĝi povas alporti, interpopole, ne nur al amikeco kaj facileco, sed ankaŭ al pli justa rilatado kaj al la emo respekti ĉies lingvan dignecon.

**Claude Piron**

*El esperanto* **1987 januaro**



* *Giganto, en la Biblio.*

** *Etulo, kiu venkis la giganton Goljato.*




## A.E.C. - INFORMOJ

Publika debato, je la Fervojista Postlaboloro de Romo, pri la temo "Kiu lingvo por Europo?"

Daŭrigante en sia agado, tiel fruktodona, ke ĝi eĉ kuntrenis la starigon el Italio (unuafoje en la kontinenta historio!) de interpartia Komitato pri la eŭropa lingva problemo, la Fervojista Postaloro de Romo organizis la 11/2/1987 tre interesan debaton pri la temo en objekto.

Ĝi disvolviĝis inter subtenanto de la angla lingvo (frof.ro Roberto Baronti Marchiò) kaj la esperantista sekciestro de la dirita roma organizaĵo (d-ro Alberto Menabene) sekretario de la citita interpartia Komitato.

Plenplena je kulturaj informoj (ambaŭflanke oni citis per kontraŭaj argumentoj la penson de Antonio Gramsci - konfondinto de la Itala Komunista Partio) kaj disvastiga je sciigoj al la plej multo nekonataj (unu el la du oficialaj norvegaj lingvoj "Nynorsk" estas artefarita lingvo kreita de la filologo Aasen en 1848!), la debato evidentigis la neceson de la adopto de eŭropa oficiala lingvo, kiu favoru la naskiĝon de eŭropa sento inter la popolaj amasoj de eŭropa ekonomia Komunaĵo.

"Ĉu ni volas -oni demandis- ke la estonta Eŭropo politike unuigita reprezentu, eĉ pli pezan, la ekzemplon de la hodiaŭa Belgio kie, post 150 jaroj depost ĝia politika unuiĝo, ankoraŭ povas estiĝi registaraj krizoj pro lingvaj kaŭzoj?"

Je la fino de la debato oni informis, ke, unuafoje en la itala historio, estas prezentita en oktobro 1986 (fare de Itala Fervojista Asocio) peticio al la itala Registaro por ke ĝi levu la lingvan problemon en nacia kaj internacia kampo. Kolekto de subskriboj en apogo al la instruado de Esperanto en la italaj lernejoj. Baldaŭ okazos ĝia depono ĉe la nacia Parlamento.

Sekve de la debato, la ĉeestantoj petis de la Fervoja Postlaboro la organizadon de Esperanto-kurso.

La roma departementa sekretario de A.E.C.
Antonino Pistoia

---

NUOVE ADESIONI / RIADESIONI ALL' I. F. E. A. - BENVENUTI!!!

| | | |
|---|---|---|
| BACCHIARELLO Giuseppe | Ventimiglia | IM |
| CARIOLI Norma Cenni | | BO |
| CERAMICOLA Simone (Mov.Fed.Eur.) | | BO |
| CHIEFFO Michele | | BO |
| DI GIOVANNI Silvana | GIULIANOVA S. | TE |
| DOMENICALI Giampietro | | BO |
| FILICE Sergio | | BO |
| LOMBARDI Domenico | | RM |
| MADELLA Vittorio | | PR |
| MARZOCCHI Ettore | | BO |
| MEDAS Giulia | | BO |
| MORAS Venicio | VARMO | UD |
| NERI Oriana | | BO |
| PAROLIN Rino | CITTADELLA | PD |
| RICCI Aureliano | | UD |
| SASSO Alessandro | MOLARE | AL |
| STEFANINI Antonio | MIRANDOLA | MO |
| VITALI Daniele | | BO |
| ZUCCHINI Alessandro | | UD |

---

UN GRADITO "DI PIU'" ALL'I.F.E.A.
MILLE GRAZIE! + + + + MILLE GRAZIE!

| | | |
|---|---|---|
| BOSCHIN Serio e Lucia | L. | 10.000 |
| ANONIMI BO x Terminareto | " | 150.000 |
| ASTEGIANO Giovanni | " | 20.000 |
| LATTANNZI Bernardino | " | 10.000 |
| TAGLIANO Guglielmo/MTeresa | " | 10.000 |
| ZAMBRINI Franca | " | 20.000 |
| DE LEO Carmen | " | 7.000 |
| LUPPINO Vincenzo | " | 8.000 |

---

# vidindaĵoj el ENCIKLOPEDIO DE ESPERANTO

**Italujo.** Komenco. Unuaj organizoj kaj kongresoj, 1889—1912. La unua propagando konsistis kaj limiĝis je persona laboro de kelkaj pioniroj, antaŭ ol oni komencis ian organizitan movadon. En 1889 estis eldonita en Crema la unua lernolibro por italoj, kiun verkis Daniele Marignoni (nask. en Crema 1846, mortis tie 1910). Aktivaj pioniroj estis la franco Alberto Gallois, kiu en 1903 iniciatis propagandon en Riolunato (Modena) kaj fondis la Italan Societon por la Prop. de E. Li tradukis francan lernolibron de Cart, kaj en 1902 en Torino eldonis malmultnombrajn numerojn de gazeto L'E-ista; kunlaboris Marcello de Balzac kaj G. Giovanni.

Preskaŭ samtempe la angla poeto Clarence Bicknell, kiu de 1877 vivadis preskaŭ ĉiam en Italujo kaj E-iĝis en 1897, propagandis por E en Bordighera, kie li fondis en 1910 E-grupon. Samtempe kun la agado de la menciitaj pioniroj (v. pri aliaj en la biografioj) en norda Italujo, en la plej suda parto, en Sicilio, komencis propagandi (1903) d-ro Vitangelo Nalli, kuracisto, kiu starigis en Palermo en 1906 la asocion »Sicilia Fed. E-ista« kaj fondis la revuon Idealo. La ministerio de publika instruado kaj la urbestroj de Palermo kaj Siracusa akceptis esti patronoj de SFE. — Dum la unuaj jaroj de E-ismo en Italujo, meritas mencion el la pioniroj adv. Raffaele Bagnulo, Giovanni Cacciapuoti (ekde 1902—03), kiuj en Napoli aperigis en 1902 gazeton L'E-ista; en 1903 fondiĝis E-grupo en Napoli. Precipe per la agado de pastro prof. Luigi Giambene stariĝis en Roma (1905) la EG »Imperiosa Civitas«. En 1907 aperis gazeto Roma E-isto, kiu en 1908 eldonis la unuan jarlibron de la italaj E-istoj. — En 1907 aperis en Udine la gazeto E-a Abelo. En 1906 Bicknell kune kun prof-ino Rosa Junk (el Aŭstrujo) starigis la E-grupon en Milano. Aliaj grupoj stariĝis en Perugia (1908), en Genova (1910), en Sampierdarena (1911) ktp. Landa societo ekestis en Bologna (1911).

La vera komenco de nacia E-movado okazis en 1910. Jam 30 dec. 1905 fondiĝis en Firenze grupo, kies oficiala bulteno estis la unua regiona E-gazeto (1906); inter la pioniroj de tiu movado meritas apartan atenton Cicetti, Dattari, adv. Viterbo. En Firenze mem stariĝis kun pluraj grupoj en 1910 Itala E-ista Federacio (IEF), kies unua ĝenerala kunveno (1-a kongreso de italaj E-istoj) okazis en Firenze 21—23 marto 1910. Prof. Corrado Grazzini en Firenze organizis nacian asocion inter E-istaj instruistoj; tiu ĉi asocio estis en 1916 reorganizita. Scarselli en Firenze verkis en tiuj jaroj la »Marŝon de la E-istoj«.

IEF (ankoraŭ nun ekzistanta) jam de komenco celis la propagandon por E kaj la organizon de la italaj E-istoj en grupoj. Ĝi ĉiujare organizis la nacian kongreson.

Unua organizo por instruado de E estis »Liguria Instituto de E« starigita en Genova en 1910 de d-ro Alfredo Stromboli, kiu en tiu jaro fervore propagandis, starigante en 1911 la Asocion IEA, kiun li prezidis, kaj la 2-an nacian kongreson en Genova en 1911. Ankaŭ IEF havis en 1911—12 sian sidejon en Genova (prez. pastro prof. Ilario Focco, sekr. f-ino Gemma Segré) kaj la nombro de ĝiaj grupoj estis 13.

La 3-a kongreso de la Italaj E-istoj okazis en Verona 6—8 aŭg. 1912.

Tre grava branĉo de IEA estis E-a Kooperativo, fondita en Genova antaŭ la milito, kiu eldonis multajn prop. foliojn (ĉefe tiun tre utilan kompilitan de

Cesare Cadario) kaj multajn gramatikojn kaj broŝurojn. Pro la milito la Kooperativo devis ĉesigi sian agadon. C a d a r i o je la fino de 1912 iris al Torino, kie li sukcesis kun helpo de inĝ. Balzac kaj Mario Muretti starigi grupon kaj organizi kursojn. Samtempe tre disvolviĝis la propagando en Villar Perosa, age de la tre aktiva Dante R a n d i kaj en Torre Pellice age de prof. V i n a j.

La 22 apr. 1912 stariĝis la Itala Katedro de E (IKE) zorganta la instruadon de E.

I t a l a E'i s t a F e d e r a c i o. N a c i a j k o n g r e s o j. 1912—32. En 1913 la sidejo de IEF translokiĝis de Genova al Milano (prez. d-ro Angelo F i l i p p e t t i, vicprez. Oscar B ü n e m a n n kaj d-ro J o n a, sekr. Don Enrico V i o l i kaj Samuelo F a l i e n o), En 1914 ĝi restis la sola nacia societo por prop. kaj organizo, ĉar IEA ĉesigis sian agadon. En 1913 okazis en Milano la 4-a n a c i a k o n g r e s o de E.

En la militjaroj 1914—18 la tuta movado malpli vigliĝis. En 1914 estis aktivaj grupoj en Bologna, Cremona, Genova, Sampierdarena, Milano, Roma, Verona, Venezia, Taranto, Torino. Krom IEF ekzistis tiam du regionaj federacioj: Venecia EF kaj Emilia EA. En 1915 provizore oni starigis oficejon de IEF ĉe sidejo de IKE en Bologna, ĉar praktike la Federacio, pro eniro de Italujo en la militon, ĉesigis sian aktivecon. En 1916 stariĝis Provizora Komitato por reorganizo de IEF ĉe la grupo de Cremona (prez. prof. Silvio Marchi, sekr. Aldo Mandelli), sed pro la ĝenerala situacio la reorganizo ne povis okazi. En 1917 funkciis kiel provizora sekr. de IEF C. Cadario en Genova. Por vivigi eĉ dum la militaj malfacilajoj la Federacion, Cadario laboris multe per cirkuleroj kaj li reaperigis per sia propra mono la gazeton I t a l a E-i s t o; lin helpis precipe Attilio Clavenna kaj Ettore Managlia, ambaŭ en Genova. En 1918 Cadario devis iri al Roma kaj tiam li transdonis la sekr. oficon al M a n a g l i a, kiu poste ĝin transdonis al E-istoj en Milano. Dum 1915—18 evidentigis sian agadon la grupoj de Bologna, Busseto, Cremona, Firenze, Genova, Milano, Padova, Rimini, Siracusa, Treviso, Verona, Udine.

En 1919 post la kunigo de la provincoj Trento, Trieste, kaj de la aliaj regionoj kun la itala regno ĝis la nuna limo, la grupoj jam ekzistantaj en tiuj provincoj, unuiĝis al la itala E-organizajo. 24 dec. 1919 okazis la unua regiona kunveno en Trento.

12 nov. 1919 stariĝis en Genova Centra Komitato de IEF por ties reorganizo (prez. prof. pastro Modesto C a r o l f i, sekr. Managlia). 3—5 okt. 1920 okazis en Bologna la 5-a N a c i a K o n g r e s o (prez. adv. kav. Neb. Filippo Palmeggiani, sekr. d-ro Umberto Toschi). En tiu ĉi kongreso oni elektis novan komitaton de IEF kun sidejo en Milano, konsistanta el d-ro Angelo F i l i p p e t t i, Aldo M a n d e l l i, d-ro Pier Carlo M o n t i

En 1921 vigle laboris grupoj en Bari, Bologna, Cremona, Firenze, Genova, Mantova, Milano, Padova, Palermo, Potenza, Roma, Rovereto, Sampierdarena, Terni, Torino, Trento, Trieste, Verona, Venezia.

La 6-a N a c i a K o n g r e s o okazis en Trento 16—17 aŭg. 1921. (Org. komitato: prez. d-ro A. Mondini, sekr. G. Marchetti). Dum la kongreso oni elektis novan estraron de IEF; prez. adv. Attilio V a o n a, sekr. prof. Fr. P i z z i. Per nova regularo oni decidis, ke estu elektotaj lokaj delegitoj por helpi la membraron. En 1922 IEF havis 1512 membrojn kaj 52 delegitojn. En tiu jaro fondiĝis novaj grupoj en Brescia, Napoli, Brindisi, Vicenza kaj Catania. IEF ricevis en 1921 monsubtenon de la maristara ministerio.

La 7-a N a c i a K o n g r e s o okazis en Trieste 20—22 sept. 1922. (Org. komitato: d-ro Arturo Ghez, d-ro Giuseppe Koch, Carlo Simonis, d-ro Kav. P. Polidori). Oni elektis la jenan estraron de IEF: prez. Vaona, sekr. T o s c h i, kas. R e n i sidejo de la estraro Verona. Oni decidis starigi Libran Oficejon de IEF por eldono de prop. broŝuroj.

(daŭrigota)




BONDEZIROJN AL ĈIUJ !

redaktoro: geo climelli
desegnistino: barbara morara